21a Jaro - No 2 (216) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Februaro 1935

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Fondita en 1908a

Oficiala Organo de Belga Ligo Esperantista

DIREKTORO
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilrijck-Antverpeno
(Tel. 777,58)

Poŝtĉeko de la LIGO: No 1337.67 (Wilrijck)
Por anoncoj : H. PÉTIAU, St. Lievenslaan, 60, Gento

Post Vojaĝo

## La praktika uzo de nia lingvo

Mi ĵus revenas de vojaĝo, de iom longa vojaĝo, se oni konsideras la malgrandecon de la teritorio, celo de ĝi.

Mi vojaĝis al la Saarteritorio, tiu eta ŝtato, kiu baldaŭ ne plu estos aparta malgranda IO, sed nur parto de granda UJO.

Mi ne devas priskribi al vi la okazintaĵojn, kiuj kaŭzis nian vojaĝon, de mi, kaj, kun mi, de ses ĝis sepcent samprofesiuloj. Vi ilin legis ĉiuj en via taga ĵurnalo. Kaj la unua paĝo de « Belga Esperantisto » ne estas la tribuno por tiaj pripolitikaj priparoladoj.

Sed se mi tamen al tiu forrestado dediĉas mian hodiaŭan ĉefartikolon, estas ĉar tiu mia vojaĝo permesis al mi, ne nur uzi Esperanton, sed, per tiu uzado, akiri servojn samtempe al mi, kiu estas Esperantisto, kaj al la ĵurnalo, kiun mi reprezentas kaj kiu ne estas Esperanta entrepreno. Kaj ankaŭ, ĉar tiu uzado kaj la fruktoj, kiujn ĝi donis, permesis al mi fari propagandon en du diversaj rondoj, tiu nome de mia ĵurnal-estraro, al kiu mi rakontis miajn travivaĵojn kaj tiu de la internacia ĵurnalistaro, kiu vidis, kiel facilmaniere, mi tuj kapablis solvi problemojn en urbo en kiu, du horojn antaŭe, ili kaj mi estis fremduloj.

Se vi rigardas en la U.E.A.-jarlibron de 1934, sub la rubriko Saarbrücken, vi vidas ke la Delegiteco tie vakas. Ekzistas tamen en la landeto kolego de nia S-ro De Ketelaere — ĉefdelegito —, kiu tuj havigis al mi adresojn de kelkaj samideanoj en tiu urbo.

Vi komprenos, ke mi ĉerpis el tiu listo la nomon de samprofesiulo, de ĵurnalisto, kiu plej bone povos doni al mi la sciigojn kaj informojn, kiujn mi iamomente bezonos.

Mi ne parolos al vi pri kelkaj servoj, kiujn li faris al mi, rilate al hotelo, al pasporto, — tio ja estas servoj, kiujn ĉiu delegito de U.E.A. faras al ĉiu vojaĝanto, kiu demandas, kaj kiujn vi ĉiuj, kiuj vojaĝis, akiris de la delegito, kiun vi vizitis.

Sed por ni, ĵurnalistoj, kiuj devis doni novaĵojn al nia ĵurnalo — tio signifas skribi artikolon — preskaŭ tuj post nia alveno en la lando, la granda afero ne estis, vidi la muzeon, la urbodomon, la ĉefpreĝejon, la enkarcerigejon k.t.p... Por ni, la granda demando estis, akiri al ni tuj impresojn kaj precizajn informojn pri la karaktero de la popolo ; pri la simpatioj kaj antipatioj ; pri la homoj, kiujn ni nepre devus vidi kaj intervjui ; pri la grandaj aferoj, kunvenoj, paroladoj, kiuj estis ankoraŭ okazontaj en tiuj lastaj antaŭelektadaj tagoj.

Kaj tie, la renkonto de homo, kiun oni eble por la unua fojo vidas, sed kiu vin vizitas en vian hotelĉambron kun la nepra deziro, la nepra volo fari servon al vi, utili al vi, kaj, pro tio, flankenlasi, kiel plej eble, proprajn ideojn, por permesi al la fremda samidea amiko plej ĝustan akiradon de impresoj, estas valore netaksebla.

Ni ne trograndigas la faktojn, se ni diras, ke tri horoj da promenada interbabilado, nin permesis alrigardi la okazontaĵojn pli serene kaj havi informojn pli precizajn. ol tri tagoj da restado en la lando akirigis al kelkaj el niaj kolegoj alilandaj, kiuj alvenis antaŭ ni, kaj kiuj estis feliĉaj, ne konante Esperanton tamen ĉerpi al tiu sama fonto, al kiu mi tiel malavare povis preni miajn sciigojn.

Kompreneble tiuj niaj kolegoj ne tuj lernos Esperanton. Tiel idealista, nek optimista mi ne estas por tion kredi. Sed estas certe, ke nia Saarbrückena samideano, same kiel la aliaj, kiujn mi vizitis, kaj pri kies opinioj, diroj kaj asertoj, mi informis bonajn kolegojn, per sia helpo, faris servon ne nur al mi, sed samtempe disjetis plenmane semojn, kiuj iam tamen havos sian efikon.

Unua efiko estos jam tre certe, ke tiuj ĵurnalistoj, kiam ili ree estos en sia redaktejo, kaj ricevos iun komunikon pri Esperanto, ĝin legos kaj ke ĝi ne plu, tiel facile, falos en la paperkorbeton, kiel tio ĝis nun okazis pro nekompreno kaj nescio.

Tial, ekster la propagando, ni precipe nin okupu pri la praktika uzado de nia lingvo, kiu plej multe helpos nin venki tiun nekomprenon de la amasoj.

Nur tiaj ekzemploj evidentigos al la homoj la praktikan uzeblecon kaj do la utilecon de Esperanto.

Maurice JAUMOTTE.

# LITERATURO

## Vesperkanteto

En si mem vidi estas bone,
Dum venas al mi vesperhor',
Ĉu de tagiĝ', pro mia ago
Ne doloriĝis iu kor' ;

Ĉu mi okulojn ne plorigis
Aŭ kaŭzis nubon sur vizaĝ' ;
Ĉu mi al homoj ne amataj
Vorteton diris de kuraĝ',

Kaj se mi trovas en la koro
ke mi suferon igis for,
ke brakoj miaj ĉirkaŭigis
klinitan kapon pro dolor'... ;

Sur miaj lipoj, de boneco
La vesperkison sentas mi....

En si mem vidi estas bone
Kaj tiel ekdormiĝu ni.

ALICE NAHON, flandra poetino
*Esperantigis Jules Alofs.*

## Humoraj Respondoj kaj Rimarkoj de Infanoj.

VEREMA INFANO.

— Mia infano, rapidu diri al via paĉjo, ke Gesinjoroj Bolnova venas por viziti lin.

La infano, post plenumado de sia komisio, reeniras la salonon.

— Ĉu vi trovis vian paĉjon?

— Jes, panjo.

— Kaj kion li diris?

— Li diris : « Fi ! mi ne delokiĝas por tiuj teduloj ! ».

MALFACILA DEMANDO.

— Lilinjo, se la horloĝo sonus dekkvar fojojn, kioma horo estus tiam?

— Mi ne scias...

— Kaj vi, Berĉjo?

— Paĉjo, estus la horo por ripari la horloĝon.

SUR LA STRATO.

— Kion vi serĉas, amiko, demandas unu post alia dudek, tridek personoj, al malgranda knabo.

— Mm... bileton de 20 frankoj!...

Kaj ĉiuj serĉas, serĉas. Finfine maljuna sinjoro, kompateme demandas :

— Kiam vi perdis ĝin?

— Mi ne perdis bileton... Mi nur rigardas ĉu mi hazarde ne trovus unu...

INFANA KOMPLOTO.

— Diru, Riĉjo, oni trinkis tiom da lakto dumvoje, ke panjo certe rimarkos tion. Kion fari?

— Ni faligu la poton!

BONA KNABINO!

Germanjo kaj ŝia fratino revenas de promenado. Ilia patrino demandas :

— Ĉu vi bone amuziĝis, miaj karaj?

— O, jes, panjo! respondas Germanjo, kiu estas okjara.

— Vi bone ludigis vian malgrandan fratinon?

— Jes, panjo, mi balancis la tutan tempon kaj estas ŝi, kiu puŝis min.

« MALBONA KAPO ».

— Aŭskultu, knabo, diras panjo al Roberto, se vi daŭrigas tiel malbone konduti mi enslosos vin en la kokejo!

— Tio estas tute indiferenta al mi! Mi tamen ne faros ovojn! Jen.

LA KIALO.

— Diru, Karolo, via nova ludilo ne ŝajnas plaĉi al vi. Kial ne?

— Ĉar mi jam nun pripensas la batojn, kiujn mi ricevos, kiam ĝi estos rompita.

JUNA KONTRAŬ-FEMINISTO.

*La patrino.* — Vi estis malobeema, mi diros tion al via patro!

*Toto.* — Estas ĉiam la samaj ,la virinoj. Ili ne kapablas silenti sekreton!

VIZITO DE LA INSPEKTORO.

En lernejo de iu granda urbo inspektoro eniras en lernoĉambron, rimarkas tuj ke landkarto ne estas bonorde pendita ĉe la muron, kaj, eĉ ne salutinte la instruiston, nek la lernantojn, demandas al unu el la lastaj :

— Kio ne estas bonorda en tiu ĉambro?

La lernanto, timigita pro la tuja demando, silentas. La inspektoro sin turnas al dua lernanto :

— Kaj vi, ĉu vi ankaŭ ne scias, kio ne estas regula en tiu-ĉi lernoĉambro?

Ankaŭ la dua knabo ne respondas. Sed tria leviĝas, kaj tute kontenta, ĉar li trovis, li atendas la demandon de la inspektoro. Tiu ĉi faras signon, ke la lernanto nur parolu :

— Via inspektora moŝto, vi havas ankoraŭ vian ĉapelon sur la kapo! »

« Bone, bone, diris la inspektoro, salutis instruiston kaj lernantojn, kaj forlasis sen plua insistado, la ĉambron... kaj la lernejon.

LA INSPEKTORO DEMANDAS...

La inspektoro A. alvenas en klaso, kies lernantoj tre bone kapablas respondi. Li interparolas kun la instruisto kaj diras interalie :

— Mi faros unu demandon al ĉiu lernanto, ĉar mi volas sperti de mi mem, ĉu oni ne trograndigas la meriton de via klaso

Francisko, kiu sidas sur la unua banko aŭdis parton de tiu konversacio. Li ĵus estis la unua viktimo de la inspektora scivolemo.

— Kiom da haroj havas la bovino? estas la demando.

— 365.924!

Mirego de la inspektoro.

— Kiel vi trovis tion tiel rapide, mia knabo.

— Tio estas por li, diris la knabo, montrante sian najbaron.

# NIAJ KONGRESOJ

## XXIV-a Belga Esperanto-Kongreso

**Bruĝo 8-9-10 Junio 1935.**

*6-a INFORMBULTENO :*

La L.K.K. pristudas nuntempe detale la provizoran programon, kiun ni publikigis pasintan monaton.

Jen sekvas jam du plibonigaj aldonoj :

1) En la grupa sidejo, hotelo « Cornet d'Or — Gouden Hoorn », kie estos la akceptejo kaj okazos la dimanĉa festeno, funkcios vendejo de poŝtmarkoj, poŝtkartoj, k.t.p. — Plie, dum la dimanĉa kaj lunda festotagoj, la oficiala helpa poŝtoficejo . Potterierei, 1, quai de la Poterie, estos malfermata por la kongresanoj. Ambaŭ organizaĵoj estos sub direkto de F-ino Huyghe, membrino de B.G.E.

2) La lunda ekskurso estos verŝajne organizata tiele : Matene, vizito al la mondfama banpalaco « Palais des Thermes », en Ostendo ; de tie, forveturo per speciala kaj komforta tramvagonaro al Knocke-Zoute, laŭlonge la plej pentrinda parto de la belga marbordo. En Knocke-Zoute, komuna tagmanĝo kaj marbordaj amuzaĵoj.

*Sendu tuj vian aliĝon (15 fr.) kaj laŭdezire donacojn (senlimajn) al P.Ĉ.K. 1119.10 de « Belga Kongreso de Esperanto », Bruĝo.*

*Tria listo de Kongresanoj.*

Ĉi sube ni presas la trian liston de la partoprenontoj en la kongreso de Pentekosto 1935. La nomoj estas citataj en la ordo de alveno de la kotizoj :

33. F-ino Marie-Mad. Mestdagh, Bruĝo.
34. S-ro Sylvain Dervaux, Bruĝo.
35. S-ino Sylvain Dervaux, Bruĝo.
36. S-ino Marie Boedt-Thooris, Bruĝo.
37. S-ro Albert Boedt, Bruĝo.
38. F-ino Juliette Boedt, Bruĝo.
39. S-ro Yves Boedt, Bruĝo.
40. S-ro Jules Alofs, Woluwe (Bruselo).
41. S-ino Jules Alofs, Woluwe (Bruselo).
42. S-ro André Alofs, Woluwe (Bruselo).
43. S-ro Eugène Guillaume, Bruĝo.
44. F-ino Laurence Meeuws, Ostendo.

ĈU VIA nomo jam aperis tie ĉi?
VI deziras ke ĝi aperu proksiman monaton?

SENDU do tuj 15 Fr. al la P.Ĉ.K. 1119.10 de « XXIV-a Belga Kongreso de Esperanto », Bruĝo.

*Donacoj:*

S-ro R. Groverman . . . . . . Fr. 55,—
Familio Alofs . . . . . . » 5,—

**N.B. — La L.K.K. ne sendos kongreskarton al la aliĝantoj; la jena enpreso estas kvitanco.**

## 27-a Universala Kongreso

**Provizora Programo**
**de la Kongreso kaj turismaj aranĝoj.**

UNUA TAGO. — SABATO, 3 AŬGUSTO : FIRENZE.

Komuna forveturo :
— de Génova 5,20 al Pisa-Firenze : alveno 10,11.
— de Torino 6 al Bologna-Firenze : alveno 12,55.
— de Milano 8,18 al Bologna-Firenze : alveno 12,55.
— de Verona 9,20 al Bologna-Firenze : alveno 12,55.
— de Venezia 9,15 al Bologna-Firenze : alveno 12,55.

12,— tagmanĝo en vagono (Bologna-Firenze).
12,— tagmanĝo en Firenze (por deveno Génova).
13,— veturo al la Hoteloj.
14,30 libervola ekskurso al Fiésole.
14,30 vizito per aŭtomobilo pri Firenze, Montetoj, Astronomia Observatorio en Arcetri.
15,— gvidado tra Firenze.
18,— OFICIALA AKCEPTO.
18,30 MALFERMO DE LA SOMERA UNIVERSITATO : PAROLADO PRI DANTE.
20,30 komuna vespermanĝo.
21,30 INTERKONATIGA VESPERO.
tranokto en Firenze.

DUA TAGO. — DIMANĈO, 4 AŬG. : FIRENZE-ROMA.

7,30 matenmanĝo.
8,— DISERVOJ.
9,30 veturo de la Hoteloj al la Stacidomo.
10,15 forveturo al Roma per specialaj vagonaroj.
11,30 tagmanĝo en vagono survoje al Roma.
15,— alveno en Roma kaj veturo al la Hoteloj.
17,30 vizito pri Roma per aŭtomobiloj.
20,30 komuna vespermanĝo.
21,30 PREPARAJ KUNVENOJ (UEA-Komitato, LKK)
tranokto en Roma.

TRIA TAGO. — LUNDO, 5 AŬGUSTO : ROMA.

8,— matenmanĝo.
8,30 veturo al la Vatikana Urbo, vizito kaj reveturo.
11,— SOLENA MALFERMO DE LA 27a UNIVERSALA KONGRESO.
15,— KUNSIDO DE LA KOMITATO DE U.E.A.
17,— OFICIALAJ AKCEPTOJ.
21,— VESPERA AMUZA KUNVENO.
tranokto en Roma.

KVARA TAGO. — MARDO, 6 AŬGUSTO : ROMA.

8,30 matenmanĝo.
8,50 veturo al la Roma Forumo.
9,15 VIZITO PRI LA ROMA FORUMO.
10,30 SOMERA UNIVERSITATO : PRELEGO EN LA ROMA FORUMO.
11,30 KOMUNA FOTOGRAFADO EN LA FORUMO.
12,15 libervola ekskurso al Ostia kaj Lido de Roma : pikniko sub la pinarbaro de Castel Fusano-Marbanoj.
13,30 libervola ekskurso al Littòria.
13,30 libervola ekskurso al Castel Gandolfo kaj Lago de Nemi kaj vizito pri la Rom-epokaj ŝipoj.

14,30 libervola ekskurso al Villa Adriana, Tivoli kaj Villa d'Este: famaj akvofaloj, mondfamaj fontanoj kaj ĝardenoj.
21,— LITERATURA VESPERO.
tranokto en Roma.

KVINA TAGO. — MERKREDO, 7 AŬGUSTO: ROMA.
8,30 matenmanĝo.
9,— LABORKUNSIDO DE U.E.A.
okazos duan fojon la samaj libervolaj ekskursoj de la antaŭa tago.
14,— KUNSIDO DE LA KOMITATO DE U.E.A.
15,— SES PARALELAJ FAKAJ AŬ SPECIALAJ KUNSIDOJ.
16,30 SES PARALELAJ FAKAJ AŬ SPECIALAJ KUNSIDOJ.
18,— SES PARALELAJ FAKAJ AŬ SPECIALAJ KUNSIDOJ.
N.B. — Dum la posttagmezo, vizitoj laŭ profesiaj grupoj al Muzeoj, industriaj aŭ urbaj instaloj, k.t.p.
21,— INTERNACIA BALO KAJ KONKURSO DE NACIAJ KOSTUMOJ.
tranokto en Roma.

SESA TAGO. — JAŬDO, 8 AŬGUSTO: ROMA-NAPOLI.
8,— matenmanĝo.
8,30 KONSILANTARO DE U.E.A.
9,— ALIAJ EVENTUALAJ KUNSIDOJ.
11,30 veturo de la Hoteloj al la Stacidomo.
12,— forveturo al Napoli per specialaj vagonaroj.
12,30 tagmanĝo en vagono survoje al Napoli.
15,— alveno en Napoli kaj veturo al la Hoteloj.
17,30 vizito pri Napoli per aŭtomobiloj.
21,— KUNSIDO DE KOMITATO AŬ KONSILANTARO DE U.E.A.
tranokto en Napoli.

SEPA TAGO. — VENDREDO, 9 AŬGUSTO: NAPOLI.
7,30 matenmanĝo.
8,— Granda Kongresa Ekskurso (tuttaga): Napoli-Pompei-Capri.
veturo al Pompei.
vizito pri la fama antikva urbo elfosita el sub la cindroj de la vulkano Vesuvo.
veturo al la marbordo kaj enŝipiĝo.
ŝipe al la fabela Insulo Capri.
tagmanĝo sur la ŝipo.
rondveturo kaj halto ĉe Insulo Capri.
vespermanĝo sur la ŝipo.
reveno al Napoli.
PRELEGOJ DE LA SOMERA UNIVERSITATO PRI POMPEI KAJ VESUVO DUM LA GRANDA KONGRESA EKSKURSO.
21,— MARA NOKTOFESTO.
tranokto en Napoli.

OKA TAGO. — SABATO, 10 AŬGUSTO: NAPOLI.
8,— matenmanĝo.
8,30 libervola ekskurso al la kratero de Vesuvo.
8,30 libervola ekskurso al Sorrento kaj Amalfi.
15,30 FERMA KUNSIDO DE LA KONGRESO.

**Kongresa krozado: "Al Afriko".**

18,30 ekveturo de la ŝipo al Siracusa.
20,— vespermanĝo kaj tranokto.

NAŬA TAGO. — DIMANĈO, 11, AŬGUSTO: NAVIGADO APUD SICILIO-SIRACUSA.
8,— DISERVO SUR LA ŜIPO.
9,— matenmanĝo.
10,— PRELEGO DE LA SOMERA UNIVERSITATO.
13,— tagmanĝo.
15,— alveno en Siracusa kaj elŝipiĝo.
15,30 vizito pri la antikva greka urbo.
21,— enŝipiĝo kaj vespermanĝo.
22,— forveturo al Malta.
tranokto.

DEKA TAGO. — LUNDO, 12 AŬGUSTO: NAVIGADO AL AFRIKO-MALTA.
7,— alveno en Malta.
7,30 matenmanĝo.
8,— elŝipiĝo kaj vizito pri « La Valletta ».
13,— tagmanĝo.
14,30 forveturo al Tripoli.
17,— PRELEGO DE LA SOMERA UNIVERSITATO.
19,— vespermanĝo.
21,— festo sur la ŝipo kaj tranokto.

DEKUNUA TAGO. — MARDO, 13 AŬGUSTO: TRIPOLI.
7,— alveno en Tripoli.
7,30 matenmanĝo.
8,— elŝipiĝo kaj vizito pri la araba urbo.
13,— tagmanĝo sur la ŝipo.
16,30 ekskurso al Oazo de Tripoli.
16,30 granda libervola ekskurso tra la Oazo al la dezerto kaj la Gasr Garian-Afrika nokto en la dezerto.
19,— vespermanĝo dum la ekskurso.
19,— vespermanĝo sur la ŝipo.
tranokto.

DEKDUA TAGO. — MERKREDO, 14 AŬG.: EN MARO.
1,— reveno de la libervola ekskurso kaj enŝipiĝo-forveturo.
9,— matenmanĝo.
10,— PRELEGO DE LA SOMERA UNIVERSITATO.
13,— tagmanĝo.
17,— amuzoj kaj dancoj sur la ŝipo.
19,30 vespermanĝo kaj tranokto.

DEKTRIA TAGO. — JAŬDO, 15 AŬGUSTO: NAVIGADO APUD SICILIO-PALERMO.
8,— matenmanĝo.
9,— alveno en Palermo kaj elŝipiĝo — vizito pri la urbo.
9,30 libervola ekskurso al « Monreale » kaj « Monto Pellegrino ».
13,30 tagmanĝo.
16,30 forveturo al Portoferrajo.
20,— vespermanĝo kaj tranokto.

DEKKVARA TAGO. — VENDREDO, 16 AŬGUSTO: PALERMO-PORTOFERRAJO.
9,— matenmanĝo.
10,— PRELEGO DE LA SOMERA UNIVERSITATO.
13,— tagmanĝo.
17,— amuzoj kaj dancoj sur la ŝipo.
19,— vespermanĝo.

20,30 alveno al Insulo Elba: halto en la Golfo de Portoferrajo.
22,— forveturo al Génova.
tranokto.

DEKKVINA TAGO. — SABATO, 17 AŬGUSTO: NAVIGADO APUD LA LIGURIA RIVIERO-GENOVA.
8,— matenmanĝo sur la ŝipo.
9,— alveno en Génova kaj elŝipiĝo
10,30 FERMO DE LA SOMERA UNIVERSITATO.
11.30 OFICIALA AKCEPTO EN GENOVA.
N.B. — *La vizito pri la urbo Génova kaj ĝiaj belegaj ĉirkaŭaĵoj estos temo de libervolaj ekskursoj pri kiuj sekvos detala informo.*
Reveturo al itala fervoja limo (tago kaj horo laŭplaĉe).

## ESPERANTO KAJ RADIO

### Programo por Februaro.

DIMANĈO, 3, 10, 17, 24 Februaro:
9.00-9.15: Marseille-Provence, 400 m.: Literaturo, informoj (H. Bourdelon). — Nur ĉiun duan dimanĉon. Ŝajne la 3 kaj 17.
9.30-10.00: Lille P.T.T. Nord, 247 m.: Kurso, paroladoj. (Curnelle kaj f-ino Andrée).
—?—: Lyon-la-Doua, 463 m.: Kurso (R. Levin).
MARDO, 5, 12, 19, 26 Februaro:
18.20-18.40: Huizen, 301 m.: P. Heilker: Kurso.
18.45-19.15: Radio-Lyon, 215 m.: G. Pouchot: Kurso.
19.00-19.10: Tallinn, 410 m.: Tartu: Informoj.
MERKREDO, 6, 13, 20, 27 Februaro:
20.15-20.30: Marseille-Provence, 400 m.: H. Bourdelon: Kurso. Ĉiun duan merkredon.
21.15-21.25: Wien, 507 m. kaj relajsoj: Paroladoj. Informoj pri temoj ne eniris.
22.00-22.20: Ljubljana, 569 m.: Paroladoj ĉiun duan merkredon, sed informoj pri la datoj ne eniris.
JAŬDO, 7, 14, 21, 28 Februaro:
17.30-18.00: Paris P.T.T., 432 m., Limoges P.T.T., 329 m., Alpes-Grenoble, 309 m.: C. Rousseau: Kurso, parolado.
VENDREDO, 1, 8, 15, 22 Februaro:
19.30-19.40: Nice-Juan-les-Pins, 240 m.: G. Avril: Kurso, parolado.
21.00-?: Lisboa, 291 m.: S. Carreira: Kurso.
SABATO, 2, 9, 16, 23 Februaro:
16.10-16.20: Tour Eiffel, 1389 m.: Turismo en Francujo.
2. Le Baccon: Suda marbordo de Bretanujo.
9. Le Baccon: Auvergne.
16. Gazanhes: Kampado en Arbarego de Fontainebleau.
23. Tournay: Urbo Gray.
17.10-17.25: Huizen, 301 m.: P. Heilker: Informoj (nur 9 kaj 23 Febr.).
20.10-20.20: Lyon-la-Doua, 463 m.: Informoj.
*Aliaj dissendoj en Februaro 1935:*
MARDO, 12 Februaro:
21.45-22.00: Warszawa, 1339 m., Krakow: Tad. Hodakowski: Interparoloj kun aŭskultantoj en Esperanto.
DIMANĈO, 17 Februaro:
9.00-9.30: Stockholm, 426 m., Motala, 1389 m. kaj relajsoj: Intervjuo: Esperanto servas al la scienco.
20,30-21,00: Tallinn, 410 m., Tartu: Parolado.
MARDO, 26 Februaro:
21.45-22.00: Warszawa, 1339 m., Krakow: D-ro A. Gadomski: Polaj vojaĝistoj kaj malkovrintoj.

## FAMILIA KRONIKO

KONDOLENCOJ:

— Al S-ino Mestdagh-Wydhooge, membrino de la Bruĝa Grupo, pro la morto de ŝia patrino: S-ino Emma Dewilde, 26-12-1934.

— Al G-roj Gustave Vermandere-Van Caeneghem, gemembroj de « La Verda Stelo » pro la morto de S-ro John Van Caeneghem, ilia bopatro kaj patro, 23-1-'35.

GRATULOJ:

— Al Ges-roj P. Driessens-Anthone, gemembroj de la Bruĝa Grupo, pro naskiĝo de filo Jean, 17-12-'34.

— Al S-ro Edouard Verbeke, hotelestro de la Bruĝa grupsidejo « Cornet d'Or », kaj al liaj gefamilianoj, gemembroj de B.G.E., pro la naskiĝo de: Marguerite, filineto de Ges-roj Louis Herreweghe-Verbeke, 8-1-'34.

— Al G-roj G. Van den Bossche-Van Eynde ni rediras, sub tiu ĉi rubriko speciala, la gratulojn jam prezentitajn antaŭe en raporto, pro la naskiĝo de filineto Maryse.

## ONI DANKAS

S-ro Maurice Jaumotte dankas al S-ro Paul Lheureux, delegito de U.E.A. en Metz, pro prihotela servo; al S-ro Ernst August Omlor, ĉefdelegito en la Saarteritorio, pro tutpreta helpemo; al S-ro Johannes May, poŝtejestro en Saarlouis kaj lia ĉarma edzino, pro afabla akcepto kaj fine, sed plej'e, al S-ro Schuhler, redaktoro en Saarbrücken, pro la netakseblaj servoj, citita en la ĉefartikolo de la nuna numero.

---

## ATENTU!

### Bonfaremaj Membroj!

**Kiel ni jam diris, la Komitato de Belga Ligo Esperantista decidis pri starigo de kategorio de BONFAREMULOJ DE LA BELGA MOVADO, kiu, dum la kriza periodo almenaŭ, subtenos la laboron de Belga Ligo.**

**Ĉar ni nun fine atingis en la mondo la tiom deziritan kotizon UNIKAN, ni ne komplikos la aferon per la kreado de vere nova membreco.**

**Ni tamen diru, ke la Grupoj kaj la Ligestraro konsideros kiel BONFARANTOJN de nia movado, kun rajto al speciala mencio, ĉiujn, kiuj anstataŭigos la pagon de Fr. 30,— al sia grupo aŭ rekte al la Ligo, per pago de Fr. 100,—, kaj tiel do faras veran porpropagandan donacon de Fr. 70,—.**

**Tiuj, kiuj estas membroj-abonantoj de U.E.A. aŭ membroj-subtenantoj aŭ membroj kun jarlibro, do aldonos same Fr. 70,— al la sumo pagita por 1934.**

**De nun ni atendas la pagojn de niaj BONFAREMAJ MEMBROJ. Se 50 envenas, la krizo por la Belga Movado ne plu ekzistas.**

**Kiu ne deziros esti unu el tiu kvindeko?**

# BELGA KRONIKO

## Grupa Kalendaro

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20 h.: leciono de la perfektiga kurso; je 21 h.: kunsido laŭ indikita programo.

La 2-an de Februaro : Parolado de S-ro Jaumotte pri : La Saarteritorio.

La 9-an : Parolado kun filmo de S-ro Boffejon, pri : « La Ekspozicio de Chicago ».

La 16-an : Humora vespero.

La 23-an : Diskutvespero enkondukota de S-ro Sielens : Edziĝi aŭ ne-edziĝi.

AALST-ALOST. — **Sekcio de B.L.E.** — Kunvenejo « Burgershuis », Granda Placo. Ĉiuĵaŭde, je 20 h. 30.

BRUĜO. — **" Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — Kunvenejo: « Oud Brugge », ĉiumarde 20 h.

La 5-an de Februaro : Kantvespero sub gvidado de S-ino Ch. Poupeye, F-inoj A. Boereboom kaj S-ro G. Groothaert. Dum la ripozoj : Poŝtmarka borso.

La 9-an (sabaton), je la 9-a vespere, Granda Propaganda Balo en « Muntpaleis-Palais de la Monnaie », organizata de nia nova samideano S-ro P. De Vooght. Bonega orkestro, multaj amuzaĵoj, tombolo. Kartoj aĉeteblaj po 5 Fr. ĉe la membroj.

La 12-an : a) Kurso por progresintoj, 3-a leciono, sub gvidado de F-ino Y. Thooris; b) Debato : Por kaj kontraŭ tabako. Prezidos : F-ino M. J. Vanden Berghe.

La 19-an : a) Kurso por progresintoj, 4-a leciono, sub gvidado de F-ino Y. Thooris; b) Priparolado de S-ro H. Delcloo, pri « Fabrikado de Lumgaso ». Prezidos : S-ro Ch. Poupeye.

La 26-an : Ĝenerala Jarkunveno de la Grupo. Prezidos F-ino Y. Thooris. Morala, agada kaj financa raportoj. Pridiskutado kaj eventuala aprobo de reviizita regularo. Proponoj por estonta agado. Ĉiuj membroj ĉeestu!

N. B. a) La grupa biblioteko estas malfermata en la grupa sidejo : Hotelo « Cornet d'Or », ĉiumarde de la 19,30-a ĝis la 20-a. Bibliotekistoj : S-roj Ch. kaj J. Decoster. — b) Tie ankaŭ je la samaj tago kaj horo vendado kaj mendado de esperantaĵoj, libroj, leterpaperoj, kovertoj, poŝtkartoj, k.t.p.

BRUSELO. — **"Esperantista Brusela Grupo".** — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo 4, ĉiulunde je la 20.30a h.

La 4an de Februaro : S-ro Lavisse prezidos.

La 11an : D-ro Kempeneers faros paroladon pri Svedujo (3a parto) kun interesaj lumbildoj.

La 18an : F-ino La Haye prezidos.

La 25an : S-ro Swinne prezidos.

La 4an de Marto : S-ro Castel prezidos.

La 11an : S-ro Adamski prezidos.

ATENTU! Ĉu vi jam pagis vian kotizon por 1935? Se jes... Dankon. — Se ne... bonvolu tion fari kiel eble plej baldaŭ.

GENTO. — **« Genta Grupo Esperantista »** — Kunvenejo en la lernejo Nova strato Sankta Petro N° 45 ; ĉiumerkrede je la 7ª vespere.

LIEĜO. — « **Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto** ».

CHENEE. — Praktikaj kunvenoj ĉiulunde.

SCLESSIN. — Praktika kunveno la 7-an de Februaro.

## Grupaj Raportoj

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — La monato de Januaro komenciĝis per vizito al la Pulĉinela Kelo. Tiu vizito alkondukis al ni multajn amikojn de membroj, kiuj, tiel, tamen jam havis unuan kontakton kun la societo, kaj kiuj eble pli facile poste venos al nia movado. La alkondukintoj prilaboru ilin.

La 12-an S-ro Van Dijck faris tre lertan kaj agrablan antaŭlegadon, kaj tiucele faris tre gravan tradukan laboron, kiun tre multe ĝuis la gemembroj, kiuj lin atente aŭskultis. S-ro Boffejon, vicprezidanto, kiu senkulpigis la prezidanton, vojaĝantan en Saarteritorio, varme dankis S-ron Van Dijck kaj atentigis la ĉeestantojn pri la vendejo de « Belga Esperanto-Instituto ».

La 19-an la kabaredvespero akiris la plej larĝan sukceson, dank'al la granda laboro efektivigita de S-ino Van der Veken-Van Bockel, kiun ni citu unuavice, kaj ties gekunlaborantoj : S-ino Faes, S-roj Ameryckx, Boffejon, Faes, Sielens, Van der Veken kaj Vermuyten. La konkurso pri la plej originala kaj la plej bela lumigilo ankaŭ akiris grandan sukceson. S-ro de Ketelaere dankis ĉiujn.

La 26-an okazis la jarkunveno de la societo. S-ro Jaumotte prezidis kaj alparolis la membraron. Poste S-roj Faes, sekretario, kaj De Coster, kasisto, legis raportojn, kiuj estis aprobataj kaj pro kies verkado dankis ilin la prezidanto. Tiu ĉi ankaŭ gratulis ilin kaj la aliajn kunlaborantojn precipe la geprofesorojn pro la laboro, farita dum la antaŭa jaro, dum kiu li, en tiaj funebraj cirkonstancoj, devis repreni la taskon postlasitan de la bedaŭrata S-ro Schoofs.

De kelkaj jaroj, okazas, dum tiu kunsido, la disdono de medaloj al tiuj gemembroj, kiuj dum 10 jaroj pagis la kotizon de la grupo. Nun akiris tiun honorigilon : S-ino Van Bockel, F-ino Germaine Latinne; S-roj Caus, De Hondt, De Leu, Van de Putte kaj Weissenborn.

Post tio sekvis speciala gratulesprimo al S-ro De Coster, kiu dum pli ol 10 jaroj jam, zorgoplene flegas la kasan fakon de la societo. S-ro Jaumotte, kiu estis lia antaŭulo en tiu funkcio esprimis sian plej koran dankon al tiu fidela kunlaboranto, kiu tiel bone kaj akurate tiam anstataŭis lin kaj kiu, nun ankoraŭ ĉiam, same senripoze dediĉas sian tempon al la kasaferoj, kiuj enkludas jam de diversaj jaroj la enkasigon de la kotizoj.

Pro la « Cerber-»-emo de la kasisto, la grupa kaso nenion povis fari por tiu jubileanto, sed la amikoj faris tion, kion la kaso ne povis kaj, nome de ili, S-ro Jaumotte transdonas al S-ro De Coster belan arĝentan tabakujon, kun enskribo memoriga, kune kun pipo kaj grava libro pri arthistorio.

La 27-an (Dimanĉon) okazis, je la 17a horo, la jarfesteno de la Grupo en la beleta salono « Roi Albert ». Pli ol tridek membroj ĉeestis, malgraŭ la krizo, tiun manĝofeston.

S-ro Jaumotte proponis la toston al la Honora Prezidanto de la nacia organizaĵo, kies sekcio estas « La Verda Stelo », nia Reĝo Leopoldo III, al kiu li sendigis telegramon.

Li ankaŭ proponis la alsendon de telegramo al S-ino Fr. Schoofs, la nura honora membrino de la Grupo.

Tiuj tostoj estis sekvataj respektive de la nacia kaj de nia internacia kantoj.

Poste li ree dankis ĉiujn, kiuj helpis al la revigligo de la grupo, post la forta bato, kiu ĝin trafis. Li citis la nomojn de S-roj Boffejon vicprezidanto; Faes, sekretario; De Coster, kasisto; De Ketelaere, ĉefdelegito de U.E.A. kaj profesoro; de la aliaj geprofesoroj : F-ino Jacobs, S-roj De Hondt, Sie-

lens, Van Dijck, Vermuyten k.c. Li fine proponis toston al la Sinjorinoj kaj fraŭlinoj.

**BRUĜO. — " Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — La 11-an de Decembro, la grupanoj vizitis la tre malnovan kafejon « Vlissingen » kaj ĝian malgrandan « muzeon », sub la gvidado de ĝia estro-konservisto, samideano Vital Jehanssart; ili pasigis tre agrablan vesperon en tiu malnovstila trinkejo.

La 18-an okazis Zamenhof'a Vespero, sub prezidanteco de F-ino Y. Thooris. Je la eniro en la sideja salonego de « Cornet d'Or », la multnombraj kunvenintoj estis agrable surprizitaj pro ĝia bela festornamo. Je la honora loko, oni vidis belan portreton de la Majstro, apud la ŝatata grupa flago. Oni tie ankaŭ admiris belan enkadrigitan afiŝon faritan de la fervora samideano H. Delcloo. (Tiu afiŝo pendas de tiam en la kafeja salonego de « Cornet d'Or » kaj montras al ĉiuj vizitantoj ke, tie ĉi estas la sidejo de la Bruĝa Grupo.) — La atmosfero de tiu Zamenhof'a Vespero estis vere festa. La prezidantino komencis per belega alparolado pri la kara Majstro kaj ŝi esprimis sian deziron labori por nia idealo laŭ lia ekzemplo. Ŝi dankis la samideanojn, kiuj ĝis nun tiel bone kunlaboris al la vigleco de la grupo, speciale S-ron Ch. Poupeye, kiu, kiel li jam faris dum pluraj jaroj, gvidis tiel sindone la kurson por komencantoj. S-ro Groverman prenis tiam la parolvicon por gratuli F-inon Thooris, kiu vere laboras elkore por Esperanto, laŭ la spirito de D-ro Zamenhof. Honorigaj donacoj estis ankaŭ proponataj al la kutimaj gvidantoj de la kantvesperoj, nome kreskaĵoj al S-ino Ch. Poupeye kaj F-ino A. Boereboom, kaj libro al S-ro G. Groothaert. La vespero agrable finiĝis per gaja kunestado kaj kantado.

La 21-an okazis la lasta leciono de la elementa kurso gvidata de S-ro Ch. Poupeye. La granda plimulto el la gelernantoj regule ĝin sekvis ĝis la fino kaj akiris belajn premiojn. El la palmareso ni nur citu la tri unuajn, nome: S-ro P. Verbeke, F-inoj C. kaj M. Willems, kiuj akiris 9/10 de la poentoj, dum preskaŭ ĉiuj aliaj meritis 8 aŭ 7/10. F-ino C. Willems, el la nomo de la gelernintoj, esprimis ilian dankon al la persistema kursgvidanto kaj donacis al li belegan skribpaperujon el arte prilaborita ledo. Al la prezidantino, F-ino Y. Thooris, floroj estis prezentataj de S-ro P. De Vooght, ankaŭ nome de gelernintoj.

La 8-an de Januaro, la kunvenintoj estis malgaje surprizitaj pro la novaĵo de la malsano de D-ro Kempeneers, kiu devis fari tiun tagon paroladon kun lumbildoj pri « Svedujo ». Okazis do anstataŭe kantvespero. Ĉiuj ĉeestantoj esprimis siajn sincerajn bondezirojn por la rapida resaniĝo de nia estimata Liga Prezidanto, D-ro P. Kempeneers, kies vizito estas nur prokrastata.

La 13-an estis malfermata la kurso por progresintoj, gvidata kun nelacigebla fervoro de F-ino Y. Thooris, kaj sekvata de proksimume 30 gemembroj. Post tio, okazis intima interparolado inter duopoj elektitaj laŭ la sorto. Kaj tiel, tre agrable kaj tro rapide, forflugis la lasta duono de tiu vespero.

**LIEĜO. — Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto.** — La kurso organizita en lernejo Hocheporte, en Lieĝo, finiĝis la 25-an de Januaro kaj la ekzameno de ĝiaj lernantoj okazis la 28-an sub prezido de S-ro Ponthir Léon. Pro tio, la komitato decidis prokrasti ĝis la 10-a de Februaro la ĝeneralan kunvenon de la societo (kiu kutime estas farata dum Januaro), tiamaniere ke la diplomoj povu esti disdonataj ĉe tiu kunsido.

Pro specialaj kialoj la kurso de Seraing devis esti forlasata kaj ĝiaj lernantoj irigataj al la kurso de Jemeppe, kiu — kiel tiuj de Chênée kaj Sclessin — daŭras funkcii regule.

La ordinaraj praktikaj kunvenoj ankoraŭ sukcese okazas en Chênée, ĉiulunde, kaj en Sclessin, la unuan ĵaŭdon de ĉiu monato (t.e. 7 Februaro, 7 Marto, 4 Aprilo, k.a.). Pro diversaj malhelpaĵoj la lieĝa grupo devis lastan jaron interrompi siajn perfektigajn kunsidojn; sed nun ĝi serioze pristudas la eblecon ilin tre baldaŭ remalfermi; proksima komuniko verŝajne konigos ĝian definitivan programon.

# PROBLEMOJ.

## Ni daŭrigas hodiaŭ nian serion de problemoj :

### 4. KRUCVORTO.

Kiel en la antaŭa numero, la leganto mem bonvolu desegni kvadrataron de 10 kvadratoj horizontale kaj vertikale. En ĝi, li metu la ciferojn laŭ suba maniero: Kie ni metis 0, li nenion metu; kie ni metis nigran signeton, li nigrigu la kvadraton, ĉar en ĝi, ni ne antaŭvidis literon:

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 0 | 8 | 9 |
| 10 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | ■ | 11 | 0 | 0 |
| 12 | 0 | 0 | 0 | 0 | ■ | ■ | 13 | 0 | 0 |
| 14 | 0 | ■ | ■ | 15 | 16 | 17 | ■ | 18 | 0 |
| 19 | 0 | 0 | 20 | 0 | 0 | 0 | 0 | ■ | 0 |
| 21 | 0 | ■ | 22 | 0 | 0 | 0 | ■ | 23 | 0 |
| 0 | ■ | 24 | 0 | 0 | 0 | 0 | ■ | 25 | 0 |
| 0 | ■ | ■ | 0 | ■ | 0 | ■ | 26 | 0 | 0 |
| 27 | 28 | 29 | 0 | 30 | ■ | 31 | 0 | 0 | 0 |
| 32 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 |

Ni rediras ankoraŭfoje: la ciferoj rilatas al vorto, kiu havas tiom da literoj, kiom estas da sinsekvantaj liberaj kvadratetoj: Ekz. 1 rilatas al vorto deklitera, ĉu horizontale ĉu vertikale; 2, al vorto 6 litera vertikale; 10, al vorto 6 litera horizontale, k.t.p. En la kalkulo de la literoj de la diversaj vortoj, oni ne aldonis la o, a, e, finaĵojn de la substantivoj, adjektivoj, adverboj, k.t.p.

Jen nun la difinoj:

HORIZONTALE: 1. aĉulo; 10. porcelana tero; 11. kreskaĵo; 12. bruo; 13. kreskaĵo; 14. mezurilo; 15. amika 18. riverego; 19. altoficulo; 21. sufikso; 22. ne multnombra; 23. parto de ŝrapnelo; 24. maristoj ĝin uzas por sciigi lastan novaĵon okaze de ŝipdrono; 25. du vokaloj; 26. kamparano tion faras; 27. estas en la okulo; 31. popolo; 32. scienco.

VERTIKALE: 1. junuloj timas; 2. kreskaĵo; 3. kaŭzo de ĉiuj niaj malfeliĉoj; 4. reĝo el la malnova historio; 5. muzikaĵo; 6. fortranĉis la harojn de Samsono; 7. araba vilaĝo; 8. birdo; 9. ŝtonbora arto; 16. Romeo kantis sub la balkono de Julieto; 17. kun amo estas ege interesa por ĵurnalo; 20. parto de la intesto; 23. altrangulo; 26. parto de Evangelio; 28. konjunkcio; 29. du apudaj konsonantoj; 30. greka litero; 31. kun « o » estas mallongigo.

5. REORDIGO DE LITEROJ: 1. Idorudfeĉ; 2. Borskorod; 3. Trimetans; 4. Satfokatro; 5. Nasdrokela; 6. Rutocerlat; 7. Jiroponi.

Reordigante tiujn literojn, ni devas akiri: 1. tranĉis la viskon per ora falĉileto; 2. ujo en kiu oni rikoltas la vinberoj; 3. igas en alia loko; 4. malfeliĉa okazintaĵo; 5. fama Macedona reĝo; 6. loĝejo de rampulo; 7. la unuaj Esperantistoj.

La tria litero de ĉiu vorto akrostike donos vorton, kiun ĉiuj veraj Esperantistoj devus praktiki.

6. Kiu valo moviĝas?

**La respondojn oni ensendu antaŭ la 1-a de Marto. Belaj premioj estos donacataj.**

## Por la jam diplomitaj profesoroj.

**« Belga Esperanto-Instituto » jus fabrikigis specialan stelinsigneton, kunmetitan el la Esperanto-stelo, ornamita per du oraj palmetoj.**

**Tiu ĉi insigno estos speciale rezervata al la profesoroj, kiuj akiris la oficialan diplomon pri profesora kapableco de « Belga Ligo Esperantista ».**

**Ĉiuj, kiuj posedas la diplomon mendu tiun insignon al « Belga Esperanto-Instituto », Willemsstrato, 21, Antverpeno, (ĝi kostas Fr. 5,—) kaj portu ĝin. Tio instigos la aliajn grupajn profesorojn, kiuj tre certe kapablas akiri la diplomon, sed hezitas antaŭ ekzameno, tamen sin enskribi kaj tiel pligrandigi la taĉmenton de tiuj laborantoj pri kiuj ni al la granda ne-esperanta publiko oficiale rajtas aserti, ke ili estas kompetentaj profesoroj de nia kara lingvo.**



Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Willemsstrato, 21, ANTVERPENO.